| | | |
|---|---|---|
| 2me Année, No 22. Juin 1904. | 2a Jaro, 22a Numero. Junio 1904. | 2e Jaar, Nr 22. Juni 1904. |

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.






| JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT. |
|---|---|---|
| **PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL :**<br>2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | **KOSTO DE LA JARA ABONO :**<br>2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | **JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS :**<br>2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 55, rue des Drapiers, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.


La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.

Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraîtra dans un prochain numéro.

L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*

*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.




A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,

IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4.

DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES — ESPERANTISCHE BLADEN.

**Lingvo Internacia**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Mr Paul de Lengyel à Szekszârd, Hongrie.

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4.00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij.*) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**Societo por Internaciaj Rilatoj** (S. I. R.), fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*); avec l'organe de la Société (*met het orgaan der Maatschappij*) « **Lingvo Internacia** » fr. 6.00 par an (*6.00 fr. 's jaars*) Mr Paul Fruictier, 27, boulevard Arago, Paris.

**Literatura Biblioteko de Lingvo Internacia**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Paul de Lengyel à Szekszârd, Hongrie.

**Rondiranto**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Mr G. P. Oreŝkov, Plovdiv, Bulgarie & L. Cogen, 61 rue des Rémouleurs, Gand.

**La Holanda Pioniro**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr Dreves Uitterdijk, Hilversum, Holland.

**Ĉesky Esperantista** (Bohem. Esp.), fr. 3.50 par an (*3.50 fr. 's jaars*) Mr Ĉejka, Th. Bystrice-Hostyn, Moravie-Autriche.

**L'Esperantista**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*) Grafo Albert Gallois, Riolunato, prov. de Modena, Italie.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj**! 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr Ant. Alvarado, str. Lartiga n° 106a Lima, Pérou.

**Ĉilio Esperantista**, gratuit au Chili (*kosteloos in Chilië*) Mr Luis E. Sepulveda Cuadra, cas. 1989, Santiago, Chili.

**La Suno Hispana**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*) Mr Aug. Jimenez Loira 5, Corona, Valencia, Espagne.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. Seynaeve, 3, rue de l'Avenir, Courtrai. Un numero : 40 Cmes.

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & Cie, 79, Bd St Germain, Paris.

**Espero Katolika**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr.'s jaars*), M. Barbot-Berruer, 72, rue des Halles, Tours (France) & M. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantistische Mitteilungen**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). M. Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin.

**Revuo Internacia de Stenografio**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). Dreves Uitterdijk, Tulpstraat, 74, Hilversum (Holland).

**Revuo Universala**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), M. Emile Gasse, 71, rue Michelet, Le Havre (France).

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.) Mexique.

**Esperanta ligilo** (por blinduloj), 3.00 fr. pour 1904 (*3.00 fr. voor 1904*), Mr Th. Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

## Adresaro de Komercistoj akceptantaj uzadon de Esperanto.

*eltirita de la gazeto* « Lingvo Internacia »

Avizo. Nur la unua enpreso en « Lingvo Internacia » estas senpaga, ĉiu nova enpreso kostas kvindek centimojn, dekdu presoj = kvin frankojn; — por ĝiaj abonantoj : dekdu presoj du frankojn.

98. **Marseille** (Franclando) 66, rue de Grignan. — *Louis Moynier*, librejo de l' juĝejo. Esp. libroj.
99. **Chaumont** (Francl.) rue de Buxereuilles. — Roger-Lapetite, librovendisto. Esp. libroj.
100. **Roubaix** (Francl.) — *A. Reboux*, libristo-eldonisto. Esp. libroj.
101. **Saint-Omer** (Francl.) rue Carnot. — *Trichon*, librovendisto. Esp. libroj.
102. **Bolsward** (Holando). — *E. Eisma*, asekuristo.
103. **Thiers** (Francl.) 7, rue de la Gare. — *L. Dubost*, fabriko de teniloj por tranĉiloj.
104. **Glasgow** (Skotlando), 138, Darnley str. — *J. Hunter*, ŝipposedanto.
105. **Dijon** (Francl.) rue Montigny. — *H. Quénot*, fabriko de kasislikvoro.
106. **Le Hâvre** (Francl.) 7, rue Bernardin-de-St-Pierre. — *M. Loyer*, ĉemizisto, tolaĵisto.
107. **Lambayeque** (Perulando.) — *Augusto F. Leon*, agento komisiisto.
108. **Moskvo** (Ruslando), Nikitskaja, domo de la Konservatorio. — Muzikvendejo « Simfonija » ĉiuspecaj musikaĵoj; posedanto : *A. J. Fjodorov*.

(daŭrigota).

2^me^ Année, N° 22. Juin 1904. | 2^a^ Jaro, 22^a^ Numero. Junio 1904. | 2^e^ Jaar, N^r^ 22. Juni 1904.

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.






| JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT. |
|---|---|

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ; 3.00 fr. pour l'étranger. 5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ; 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. 5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ; 3.00 fr. voor den vreemde. 5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 55, rue des Drapiers, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, Courtrai.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

## Stepo.

Ĉu vi konas la stepon, tiun senmezureblan ebenaĵon, kiu je la sudo de Rusujo, dissterniĝas sur multaj centoj da verstoj ĉiuflanke kaj atingas sude la bluajn ondojn de Nigra maro? Unuforma kaj malgaja estas ĉi-tiu ebenaĵo por rigardo de fremdulo, alkutimiĝinta al la luksaj belecoj de la montaj kaj arbaraj landoj; sed atenta kaj amanta okulo ĉi-tie ankaŭ elserĉos ian apartan ĉarmegon. Ĉu ne maldiversa estas la maro? Sed kial tiu-ĉi senlima akva plataĵo tiel nevenkeble altiras la rigardojn de vojaĝanto? Kial ĝi prezentas sin por sia ensorĉita observanto neesprimeble diversforman, kaj eĉ la senlimeco mem allogas lian animon? — La stepo ja estas tia sama maro, nur malfluidiĝinta, sed tute ne mortinta, sed plena je vivo, tremetanta ĉiupaŝe.

Simile al la maro, la stepo aperigas ĉiamomente riĉajn ŝanĝiĝojn de l'koloroj. Jen venis la printempo, la plej luksa jartempo en la stepo; la tuta neĉirkaŭrigardebla ebenaĵo sin ornamas per ĉarma verda tapiŝo; inter graciaj lanugaj stipoj estas enteksitaj flavaj kaj violkoloraj irisoj, ĉielbluaj miozotoj; miloj da papilioj de ĉiuj nuancoj de l' ĉielarko ankoraŭ pliriĉigas tiun luksan vestaĵon de l' stepo. Varma aero, kvazaŭ malsobrigita de bonodoraj elspiraĵoj de l' floroj, ne ekmovetas sin; kaj en tiu-ĉi aero, sur tiu tapiŝo kaj sub ĝi en la tero ĉie bolas la vivo: kantado de birdoj, zumado kaj kraketado de insektoj, fajfado de zizeloj, tiuj-ĉi miloj da voĉoj de l' stepa loĝantaro, agordiĝas en harmonian himnon al la kreinto.

Riveretoj kaj lagoj stepaj, enkadrigitaj per luksaj kanoj, ŝajnas iaj grandegaj speguloj, tie-ĉi kaj tie disĵetitaj por doni eblecon al la ĉielo printempa vidi sian renaskiĝintan belecon.... Anasoj, gruoj, anseroj trovas tie certan hejmon, kaj ilia senĉesa babilado faras la stepon ankoraŭ pli brua. Tiu-ĉi festa vivo de l' printempa stepo eĉ nokte ne povas kvietiĝi: longtempe post suna subiro blekas ranoj, estas aŭdantaj ekkrioj de birdetoj, timigitaj de muso kampa. Kaj la stepo, sin gardante kontraŭ nokta freŝeco de l' printempa aero, kovriĝas per malmultepeza krepo de helblua nebulo, kiu ankoraŭ longe estas origata okcidente per la lastaj radioj sunaj..

Sed mallongedaŭra estas tiu-ĉi festa vestaĵo de l' stepo! Bruliga suda suno kaj libera vento stepa rapide sekigas la teron, kaj jam en junio la verda luksa tapiŝo iom post iom deŝanĝiĝas per unutona bruna; nur la flaveco de grenoj, ialoke renkontataj de l' rigardo, kaj la blua sennuba ĉielo iom diverstonigas la vidaĵon. Pura aero ebligas klare vidi la ĉirkaŭaĵojn ĝis la horizonto mem, sed maloftaj

bienetoj el du-tri domoj kaj garbaroj da greno ŝajnas iaj insuletoj sur tiu-ĉi vastega oceano. Nur dum la periodo de rikoltado la pentraĵo denove brilas per nuancoj: la helflava koloro de maturaj grenoj ĉie intermiksiĝas kun ruĝaj, bluaj, verdaj, blankaj vestaĵoj de vilaĝanoj. Longaj vicoj da homoj, sonado de falĉiloj, blekado de ĉevaloj, jen ekridoj, jen kantoj, ĉio prezentas pentraĵon plenan je vivo. Plenrajte tial la vilaĝanoj rigardas la tempon de rikoltado kiel feston kaj sin vestas por tiu-ĉi laboro en festaj vestaĵoj. Ĉar ordinare grenkampoj kuŝas malproksime de loĝejoj, dum rikoltado vilaĝanoj pasigas noktojn en la stepo. Kaj vespere la tuta vastega ebenaĵo prezentas kvazaŭ ian grandegan militistaran haltejon: la tuta kampo, ĝis kiom da spaco povas vidi okulo, estas semita per fajroj de flamantaj lignaroj; ĉirkaŭe la varma silenta nokto spiras malsobrigan bonodoron de l' grenoj kaj nova stepa fojno ; kaj supre profunda nigrablua ĉielo suda, brilante per miriadoj da steloj, kvazaŭ speguliĝas la kampegon kun ĝiaj lignaraj fajroj...

Post rikolto komenciĝas laŭgrada ekdormiĝado de l' stepo ĝis la profundega mortsimila dormo de la vintro. Ĉiam pli varmege ĝin kisas la suno, ĉiam pli seka fariĝas aero; nudigita tero, eĉ de roso ne freŝigata, disfendiĝas, kaj vento tie-ĉi kaj tie altigas verajn trombojn el polvo, tiel same minacajn kaj danĝerajn, kiel la maraj. Ĉio vivanta sin kaŝas pro varmego; nur aglo stepa iafoje vekas la dezertaĵon per sia melankolia krio. Sed tiamaj ĉarmaj noktoj forgesigas ĉiujn mankojn de tago: la aero, iom freŝiĝinte per nokta malvarmeto, aperas la plej saniga aero en la mondo pro sia sekeco. Vento, kvazaŭ elspezinte la fortojn por siaj tagaj diboĉoj, ekkvietiĝas, kaj en la stepo reĝiĝas tia akrasenta trankvileco, ke oni povas aŭskulti batadon de l' propra koro, kuradon de musoj kampaj. — Ŝajnas, ke en naturo fariĝas ia solena mistero, ke la dezertaĵo, superverŝegita de hela luna lumo, kvazaŭ seninterrompe, sen ia rimarkebla limo kuniĝas tie malproksime kun la solena ĉiela arkaĵo. Kaj oni komencas senti sin antaŭ la vizaĝo de l' Senfinaĵo, kaj ĉiuj homaj doloroj, tumultoj, maltrankviloj tiam ŝajnas tiel sensignifaj, tiel neatentindaj! Jen kial, eble, la grandega stepo rusa donis al siaj idoj-rusoj tian sentumultecon, tian malakran malgajecon, kia aŭdiĝas en rusaj naciaj melodioj..

La vintro denove plibeligas la stepon. Kiel la fabela Belulino dormanta, ĝi atendas nun vekontan kison, vestita de sia sorĉa kovraĵo blankega. Diamantoj, rubenoj, safiroj de la plej pura akvo ekflamiĝas sur tiu-ĉi virga vestaĵo sub radioj de l' suno; la ĉielruĝo purpurigas ĝin, la luno arĝentkolorigas; kaj ĉiam, ĝi brilas per mil nuancoj, kiel neesprimeble ĉarma juvelo Sed gardu vin, vojaĝanto, kredi je ŝajna bonanimeco de l' Belulino perfidema! Pli ofte rigardu ĉielen! Jen kun subita atako de vento la stepo komencas fumiĝi; la ĉielo, antaŭ iom da tempo ankoraŭ tute klara, rapidege kovriĝas per densa griza nubego kun blankaj ĉifonaj randoj. Fariĝas mallume, kiel dum vespero; kaj momente de la ĉielo ĝis la tero sin eltiras, ŝanceliĝante, kvazaŭ ia grandega blanka reto kaj plene kurtenas la ĉirkaŭaĵojn. Plifortiĝinta vento fariĝas ventego kaj, portante tutajn amasojn da neĝo, blindigas okulojn, forkaptas spiradon kaj en unu-du minutoj nerekoneble ŝanĝas la lokaĵon.

Mizera estas tiu vojiranto, kiun atingis stepa neĝvento dum la nokto! La kronikoj stepaj estas plenaj je okazoj de pereo de erarirantoj dum neĝvento. Blindigitaj de neĝo, perdintaj la fortojn, ili ofte estis trovataj glaciiĝintaj je kelkaj paŝoj de loĝejo. Tial en ĉiuj stepaj vilaĝoj ekzistas la moro dum noktaj neĝventoj senĉese sonorigi preĝejajn sonorilegojn por montri al ĉiu vojaĝanto la ĝustan direkton.

Tia estas la stepo dum diversaj momentoj de sia vivado. Ĉu belega kaj bolanta per superfluo da vivo, ĉu nudigita kaj dormetanta, ĉu, fine, profundege endormiĝinta, ĝi ĉiam restas egale majesta kaj ĉiam enhavas ion por allogi sian observanton. Ne vane do el la profundo mem de l'animo de la rusa glora verkisto kaj kompetentulo pri la stepo — Hohol — elrompiĝis la krio : « Diablo prenu vin, stepojn, kiel vi estas belegaj ! »

Originale verkita de A. L. VEJTCLER.
Rostov sur Don, Rusujo.

Teksto eltirita el la rondiranta gazeto « Kunfratiĝo ».

## Ĉe niaj blinduloj.

De longatempe niaj legantoj konas la klopodojn kiujn faras la Esperantistoj por donaci la ĉiulandajn blindulojn per komuna lingvo, kio estus neŝatebla bonaĵo por tiuj malfeliĉuloj. La honoro de la nasko kaj direktado de tiu movado apartenas tute al S^ro^ Cart, la fervora Franca propagandisto, ĉie konata; tiu movado rapide malvolviĝis : ĝin cetere forte apogis ĉiuj niaj ĵurnaloj kaj agemaj Esperantistoj.

### Chez nos Aveugles.

Nos lecteurs sont initiés depuis longtemps aux efforts que font les Espérantistes pour doter les aveugles de tous pays d'une langue commune, ce qui constituerait pour ces malheureux un bienfait inestimable. L'honneur d'avoir provoqué et dirigé ce mouvement revient tout entier à M. Cart, le vaillant propagateur français bien connu ; ce mouvement s'est étendu très rapidement, soutenu efficacement d'ailleurs par tous nos journaux et tous nos Espérantistes militants.

### Bij onze Blinden.

*Onze lezers zijn sedert lang bekend met de pogingen welke de Esperantisten doen om de blinden van alle landen met eene gemeene taal te begiftigen, hetwelk voor deze ongelukkigen eene onschatbare weldaad zou daarstellen. De eer deze beweging te hebben verwekt en bestuurd komt geheel en gansch toe aan M. Cart, den welgekenden, moedigen Franschen verspreider; deze beweging breidde zich zeer rap uit, werkdadig ondersteund ten andere, door al onze Esperantische strijders.*

Ankaŭ ĉi tie, Belgujo ne restis malantaŭe. Frato Isidoro, el la Reĝa Instituto por Surdmutuloj kaj Blinduloj de Woluwe-St-Lambert (Bruselo), tre afable sendis al ni kelkajn bonegajn novaĵojn pri la kurso de Esperanto tie farata por la lernantoj. « Tiu kurso, skribas al ni Frato Isidoro, komenciĝis en Novembro kun dek sep lernantoj dek- ĝis dekkvarjaraj. Tiuj ĉi post kelkaj tagoj tre fervore komencis paroleti la novan lingvon kun siaj plijunaj kamaradoj dum la ludtempo, kaj baldaŭ nova kurso estis farata de mia kunfrato de la dua klaso.

Nur la plej aĝaj el miaj studentoj, dekkvin ĝis dudekjaraj junuloj, estas malpli fervoraj ol la aliaj. Tamen, malgraŭ la multaj aliaj studoj kiujn ili devas fari, multaj el ili lernas la gramatikon kaj ofte amuzadas sin dum ludtempo per longaj kaj varmegaj diskutadoj por aŭ kontraŭ la lingvo internacia.

Je la nuna tago, ĉirkaŭ tridek blinduloj komprenas la legon de Esperantaj tekstoj kaj artikoloj, skribas senerare diktaĵojn kaj malgrandajn leterojn, multe sed ne ankoraŭ tre flue parolas kaj uzas la Esperantan lingvon en problemoj kaj kelkaj aliaj lecionoj. Post du semajnoj ili ricevos la revuon : « Lingvo internacia por blinduloj » presotan reliefe en Parizo. Mi opinias ke tio multe kunhelpos iliajn progresojn.

*Unuvorte la kurso, kiu komenciĝis pruvforme, estas nun regula kaj definitiva.* »

Samatempe ni ricevis de la junaj Esperantistaj blinduloj Esperantan leteron skribitan per reliefaj karakteroj : ĝi donis al ni plej grandan plezuron kaj ni permesas al ni ĝin represi :

« Kara Sinjoro — Ni estas tre dankaj al vi kaj al la Redakcio de la Belga Sonorilo pro la boneco sendi al ni, ĉiun monaton, vian ĉarman ĵurnalon.

Ni montros al vi nian dankecon penadante kiel eble plej multe la studon de la bela lingvo internacia.

Ni preĝos Dion por la sukceso de via nobla entrepreno.

Akceptu, kara Sinjoro, nian plej respektplenan saluton,

La Blinduloj Esperantistaj de l' Reĝa
Instituto de Woluwe-St-Lambert.

Ni uzas ĉi tiun okazon por rememorigi niajn malavarajn legantojn pri la loterio organizita de Frino Zabilon d'Her, el la Grupo Esperantista Liona, favore de la ĉiulandaj blinduloj por estigi Esperantistan Bibliotekon en presliteroj Braille. Jam oni ricevis pli ol 500 lotaĵojn. En ĉiu serio da 5 biletoj, almenaŭ unu

La Belgique, ici encore, n'est pas restée en arrière. Le Frère Isidore, de l'Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles de Woluwe St-Lambert (Bruxelles), a eu l'extrême obligeance de nous faire parvenir quelques excellentes nouvelles au sujet du cours d'Espeıanto qui s'y donne aux élèves. « Ce cours, nous écrit-il, a commencé en novembre avec dix-sept élèves de dix à quatorze ans. Après quelques jours ils commencèrent à babiller dans la nouvelle langue avec leurs plus jeunes camarades durant les récréations et bientôt un second cours fut commencé par mon collègue de la deuxième classe. Seuls les plus âgés parmi nos élèves, ayant de 15 à 20 ans, sont moins zélés que les autres. Cependant, malgré les nombreuses études auxquelles ils sont astreints, beaucoup d'entre eux étudient la grammaire et trouvent souvent plaisir, durant les récréations, à entamer des discussions longues et animées pour ou contre la langue internationale. Actuellement, environ 30 aveugles comprennent à la lecture des textes et articles en Esperanto, écrivent correctement des dictées et de petites lettres ; beaucoup parlent la langue — mais non encore couramment — et l'emploient pour faire des problèmes ou d'autres leçons. Dans deux semaines, ils recevront la revue : « Lingvo Internacia por blinduloj », imprimée à Paris en caractères en relief : j'espère que cela leur fera faire de rapides progrès. *En un mot, le cours, qui fut donné d'abord à titre d'essai, est donné maintenant d'une façon régulière et définitive.* »

En même temps, nous recevions des jeunes aveugles Espérantistes une lettre en Esperanto, en caractères Braille, qui nous a causé le plus grand plaisir et que nous nous permettons de reproduire :

« Cher Monsieur. — Nous vous remercions vivement ainsi que la Rédaction de la Belga Sonorilo pour l'aimable envoi mensuel de votre charmant journal. Nous vous montrerons notre reconnaissance en nous appliquant, dans la mesure du possible, à l'étude de la belle langue internationale. Nous prions Dieu pour le succès de votre noble entreprise.

Acceptez, cher Monsieur, notre salut très respectueux.

Les Aveugles Espérantistes de l'Institut
Royal de Woluwe St Lambert.

Nous profitons de l'occasion pour rappeler à la générosité de nos lecteurs la loterie qui a été organisée par Mlle Zabilon d'Her et le Groupe Espérantiste de Lyon en faveur des aveugles de tous pays pour la constitution d'une Bibliothèque Espérantiste en caractères Braille. Déjà plus de 500 lots ont été recueillis. Dans chaque série de 5 billets, il y aura au moins 1 numéro gagnant ; les billets se vendent au prix de 1 fr. : on peut s'en

*Belgie is, hier ook, niet ten achter gebleven. De Broeder Isidoor, van het koninklijk gesticht der Doof-stommen en der Blinden van S. Lambrechts-Woluwe (Brussel) heeft de uiterste bedienstigheid gehad, ons eenige uitmuntende nieuwstijdingen te laten geworden nopens den leergang van Esperanto die er aan de leerlingen gegeven wordt. « Deze leergang, schrijft hij ons, wierd begonnen in November met zeventien leerlingen van tien tot veertien jaar. Na eenige dagen begonnen zij in de nieuwe taal te praten met hunne jongere maten binst de speeltijden en welhaast wierd een tweede leergang begonnen door mijnen collega van de tweede klas. Alleen de oudsten onder onze leerlingen, zijnde 15 tot 20 jaar, zijn min ieverig dan de anderen. Nochtans, niettegenstaande de talrijke studiën tot dewelke zij gedwongen zijn, leeren velen onder hen de spraakkunst en vinden dikwijls genoegen, binst de speeluren, lange en vurige gesprekken aan te vangen, voor of tegen de wederlandsche taal. Tegenwoordig ongeveer 30 blinden verstaan de lezing van teksten en artikels in Esperanto, schrijven fouteloos diktaten en kleine briefjes, velen spreken de taal — maar nog niet loopend — en gebruiken ze om vraagstukken en andere lessen te maken. Binnen twee weken zullen zij het tijdschrift : « Lingvo Internacia por blinduloj » ontvangen, gedrukt te Parijs in uitbuilende letters : ik hoop dat dit hun spoedige vorderingen zal doen maken. In één woord, de leergang, die eerst gegeven wierd uit proef, wordt nu op eene regelmatige en stellige wijze gegeven. »*

*Ten zelfden tijde ontvingen wij van de jonge blinde Esperantisten eenen brief in Esperanto en in Braille letters, die ons het grootste genoegen veroorzaakt heeft en welken wij ons toelaten over te schrijven :*

*« Waarde Heer. — Wij bedanken U vuriglijk, alsmede den Opstelraad van de Belga Sonorilo, over het minnelijk maandelijksch opzenden van uw schoon blad. Wij zullen u onze dankbaarheid betoonen met ons, in de mate van het mogelijke, op de studie van de schoone wederlandsche taal toe te leggen. Wij bidden God voor den bijval van uwe edele onderneming.*

*Aanvaard, waarde Heer, onze zeer eerbiedige groeten.*

*De Blinde Esperantisten van het Koninklijk gesticht*
*van S. Lambrechts-Woluwe.*

*Wij nemen de gelegenheid te baat om aan de milddadigheid onzer lezers de loterij te herinneren die ingericht is geweest door Juf. Zabilon d'Her en de Esperantische groep van Lyon, ten voordeele der blinden van alle landen voor de instelling eener Esperantische Boekerij in Braille-letters. Reeds meer dan 500 loten zijn ingezameld. In elke reeks van 5 briefjes zal er ten minste 1 winnend nummer zijn ; de briefjes worden verkocht ten prijze van 1 fr. : men*

numero gajnos premion; la biletoj kostas 1 frankon: oni povas ilin ricevi de S^ro^ Jamin (55, Rue des Drapiers, Bruxelles), sendante 1 fr^on^ per belgaj poŝtmarkoj. Plie, ĉiu lotaĵo valoras plimulte ol la prezo de l' bileto. Niaj legantoj ne forgesu do niajn karajn Esperantistajn Blindulojn.

MAURICE SEYNAEVE.

## Tra la Mondo Esperantista.

La atendita libro enhavanta la adresojn de ĉiuj Esperantistoj fine aperis sub titolo de « Tutmonda Jarlibro Esperantista ». Krom la oficiala adresaro de la novaj Esperantistoj, serio XXIV^a^, ni tie trovas la adresojn de la Esperantistoj senditajn de la diversaj societoj aŭ kolektitajn en la antaŭaj nomaroj.

La graveco de tiu laboro senkulpigas la multnombrajn erarojn kiuj glitiĝis en ĝiajn kolonojn precipe pri Belgujo; sed malgraŭ tiu negrava malkorekto tiu jarlibro pruvos al la plej obstinaj skeptikuloj la disvastigon vere mirindan de la lingvo ĉe ĉiuj popoloj de la mondo. Ankoraŭ la propaganduloj, la komercistoj, korespondantoj, k. t. p. havos la utilan libron kiun ili postulis de longatempe.

Bedaŭrinde la prezo de la nova libro estas tro multekosta por la modestaj monujoj de la plimulto el niaj samideanoj: unu ekzemplero, 2 frankoj; dek ekzempleroj, 15 frankoj por ĉiuj Societoj niaj. Ni timas malrapidan disvastigadon de tiu jarlibro pro ĝia kosto.

***

Ni ricevis de kelkaj tagoj la anoncitan ĵurnalon por blinduloj titolitan « Esperanta Ligilo » kiu estas monata revuo de 32 paĝoj in-8° presita per literoj Braille. La apero de tiu ĵurnalo estas certe unu el la plej gravaj faktoj de la Esperanta movo kaj honorigas la sindonemajn homojn kiuj entreprenis agon tiel utilan kaj simpatian. Kompreneble la lego de tiu ĵurnalo estas iomete malfacila por la viduloj, tamen tiu, kiu volas pacience lerni la alfabeton, povas baldaŭ legi la interesajn artikolojn difinitajn por la blinduloj; tion mi persone faris kaj ĝin mi ne bedaŭras.

procurer chez M. Jamin (55, rue des Drapiers, Ixelles) moyennant l'envoi de 1 fr. en timbres-poste belges. Au surplus, chaque lot aura une valeur supérieure au prix du billet. Que nos lecteurs n'oublient donc pas nos chers Aveugles Espérantistes.

MAURICE SEYNAEVE.

### A travers le monde Espérantiste.

Le livre attendu, contenant les adresses de tous les Espérantistes vient enfin de paraître sous le titre de « Tutmonda Jarlibro Esperantista ». Outre l'adresaro officiel des nouveaux adeptes, série XXIV, nous y trouvons les adresses des Espérantistes envoyées par les diverses sociétés ou recueillies dans les listes précédentes. L'importance de ce travail excuse les nombreuses erreurs qui se sont glissées dans ses colonnes principalement pour la Belgique; mais malgré ce léger inconvénient, cet annuaire prouvera aux sceptiques les plus obstinés, la diffusion vraiment étonnante de la langue chez tous les peuples du monde. Les propagateurs, commerçants, correspondants, etc. auront aussi le livre utile qu'ils réclamaient depuis longtemps.

Malheureusement, le prix du nouveau livre est trop élevé pour la bourse modeste de la plupart de nos partisans: un exemplaire 2 fr.; dix exempl. 15 fr. pour toutes nos sociétés. Nous craignons que ce livre ne se répande que lentement à cause de son prix.

***

Nous avons reçu depuis quelques jours le journal annoncé pour les aveugles, intitulé « Esperanta ligilo » (Le lien Esp.) qui est une revue mensuelle de 32 pages in 8° imprimée en caractères Braille. L'apparition de ce journal est certes l'un des faits les plus importants du mouvement Esp. et honore les hommes dévoués qui entreprirent une action si utile et si sympathique.

Il va de soi que la lecture de ce journal est un peu ardue pour les voyants, cependant, celui qui veut apprendre patiemment l'alphabet, peut bientôt lire les articles intéressants destinés aux aveugles, dont nous donnons le sommaire dans le texte Esp.

Personnellement je l'ai fait et ne le regrette pas.

*kan er zich verschaffen bij M. Jamin (55, Rue des Drapiers, Ixelles), mits opzending van 1 fr. in Belgische postzegels. Bovendien zal elke prijs eene hoogere waarde hebben dan de prijs van het briefje. Dat onze lezers dus onze lieve Blinde Esperantisten niet vergeten.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

### Dwars door Esperantische wereld.

*Het verwachte boek, behelzende de thuiswijzingen van al de Esperantisten, is eindelijk verschenen onder het opschrift, « Tutmonda Jarlibro Esperantista ». Buiten het officieel adresaro der nieuwe aanhangers, reeks XXIV, vinden wij er de thuiswijzingen der Esperantisten, gezonden door de verscheidene maatschappijen of opgenomen uit de voorgaande lijsten. Het belang van dit werk verschoont de talrijke misslagen die, voornamelijk voor België, in zijne kolommen geslopen zijn; maar, niettegenstaande die lichte hindernis, zal dit jaarboek aan de hardnekkigste twijfelaars bewijs geven van de waarlijk snelle verspreiding der taal bij alle volkeren der wereld. De verspreiders, handelaars, briefwisselingen, enz. zullen alzoo het nuttig boek hebben, dat zij sinds lang verzochten.*

*Ongelukkiglijk is de prijs van het nieuwe boek te hoog voor de nederige beurs van het meeste deel onzer partijgangers, één exemplaar: 2 fr., tien exempl. 15 fr. voor alle onze maatschappijen. Wij vreezen dat dit boek zich maar traag verspreide ter oorzaak van zijnen prijs.*

***

*Wij hebben sedert eenige dagen het aangemelde blad voor de blinden ontvangen, getiteld « Esperanta ligilo » (De Esperantische band) dat een maandelijksch schrift is van 32 bladzijden in-8°, gedrukt in Braille-letters. De verschijning van dit blad is zeker een der belangrijkste daadzaken der Esperantische beweging en vereert de verkleefde mannen die een zoo nuttig en zoo liefdadig werk ondernamen.*

*Het spreekt van zelfs dat de lezing van dit blad wat lastig is voor de zienden, nochtans deze die geduldiglijk het alphabet wil leeren, kan allicht de belangrijke artikelen lezen, bestemd voor de blinden, waarvan wij de opsomming geven in den Esperantischen tekst.*

*Ik heb het persoonlijk gedaan en betreur het niet.*

La enhavo de la unua numero estas: 1e Al niaj legantoj (Th. Cart), 2e Grava avizo (Guilbeau), 3e Esperanto kaj naturo (Thilander), 4e Tri blindulinoj (Caetano-Continho), 5e Al la fratoj (Zamenhof), 6e Gramatikaĵo (P. Fruictier), 7e Kroniko (Th. Cart), 8e Humoraĵo, problemo, 9e La karaj braceletoj, 10e Historio de la Blinduloj (Guilbeau).

Kosto de la abono: 3 frankoj por 1904, sin turni al la Direktoro-Administranto: Profesoro Th. Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

***

Alvoko de la Berlina grupo:

Nia grupo organizas Esperantan ekspozicion en Berlino; ni estos do tre dankaj al ĉiuj amikoj de nia afero, kiuj bonvolos helpi nin sendante ĉiuspecajn esperantaĵojn: propagandilojn, cirkulerojn, presaĵojn en diversaj lingvoj kaj poŝtkartojn de landoj kie Esperanto ne estas ankoraŭ tre disvastigita. Oni bonvolu adresi la sendojn al Sro H. Jürgensen, grupa sekretario, Bandelstrasse, 16, Berlino N. W.

Antaŭan tutkoran dankon!

Ni jam diris ke la Germana gazetaro akceptas Esperanton malfideme; tamen kelkaj revuoj, dank' al la penoj de la propaganduloj, enpresas favorajn artikolojn. Ni citu longan artikolon de Sro H. Knobel en la « Bankbeamten-zeitung » (Ĵurnalo de la bankoficistoj), kiu konkludas tiel: La problemo de la monda lingvo trovis sian solvon. (Das Weltsprachen-Problem hat seine Lösung gefunden.)

Viena gazeto « Schwarz-Gelb » (nigra-flava) publikiĝas en sia numero de la 12a de majo du tre efikajn artikolojn kaj anoncas ke la « Viena Esperanta Klubo » estas nun organizita kaj havas kunvenojn ĉiuvendrede je la 7a horo vespere kaj fondis senpagan kurson de Esperanto. Adreso: Schaufelbergstrasse, 6., — 1. Bez. Wien.

***

Ni ankoraŭ ricevis multajn ĵurnalojn kies enhavon ni analizos rapide pro manko da loko.

« L'Express du Nord et du Pas de Calais, La France du Nord kaj Le Cicérone (La Revue de l'Esperanto) » raportas pri la festoj organizitaj de la Grupo Esperantista de Boulogne s/mer la 21an de majo, festoj anoncitaj en nia antaŭa numero. Tre granda sukceso por la Anglaj kaj Bohemaj vizitantoj. Ni vidas en la programo ke Sroj Muddie (Anglo) kaj Dufeutrel (Franco) deklamis la kvinan akton de « Hamleto ». La ĵurnaloj raportas ke la sukceso estis plena.

« Les Archives des Collectionneurs et des Curieux » enhavas ĉiumonate Esperantan rubrikon de Sro P. Bavay, kronikon kaj multajn artikolojn tute skribitajn Esperante sen Franca traduko; tio estas vere Esperantista ĵurnalo!

***

Appel du groupe de Berlin:

Notre groupe organise une exposition de l'Esperanto à Berlin, nous serons donc très reconnaissants à tous les amis de notre cause, qui voudront bien nous aider en nous envoyant toutes espèces de documents Esp.: moyens de propagande, circulaires, imprimés en diverses langues et cartes-postales des pays où l'Esperanto n'est pas encore répandu. On voudra bien adresser les envois à Mr H. Jürgensen, secrétaire du groupe, Bandelstr., 16, à Berlin N. W.

Remercîment cordial et anticipé!

Nous avons déjà dit que la presse allemande n'accepte l'Esperanto qu'avec méfiance; cependant quelques revues, grâce aux efforts des propagateurs, insèrent des articles favorables. Citons un long article de Mr H. Knobel dans le « Bankbeambten-Zeitung » qui conclut ainsi: « le problème de la langue mondiale a trouvé sa solution. »

Un journal viennois « Schwarz-gelb » publie dans son no du 12 mai deux articles très efficaces et annonce que le « Club Esperanto viennois » est actuellement organisé et tient des réunions chaque vendredi à 7 h. du soir; il a fondé un cours gratuit d'Esperanto; adresse ci-dessus.

***

Nous avons encore reçu un tas de journaux dont nous analyserons rapidement le contenu faute de place:

« L'Express du Nord et du Pas de Calais, La France du Nord et Le Cicérone (La Revue de l'Esperanto) » donnent un compte-rendu des fêtes organisées par le groupe Espérantiste de Boulogne s/mer le 21 mai, fêtes annoncées dans notre précédent numéro. Très grand succès pour les visiteurs Anglais et Bohémiens. Nous voyons au programme que MM. Muddie (anglais) et Dufeutrel (français) ont déclamé le 5me acte d'Hamlet. Les journaux nous rapportent que le succès a été complet.

***

*Oproep van de groep van Berlijn:*

*Onze kring richt eene tentoonstelling van Esperanto in, te Berlijn; wij zullen dus zeer dankbaar zijn aan al de vrienden van onze zaak, die ons wel zullen willen helpen met ons alle slach van Esperantische stukken op te zenden: verspreidingsmiddelen, strooibrieven, drukwerken in verscheidene talen en postkaarten der landen waar het Esperanto nog niet verspreid is. Men zal wel willen de verzendingen richten aan M. H. Jürgensen, schrijver van den kring, Bandelstrasse, 16, te Berlijn N. W.*

*Hartelijken en voorafgaanden dank!*

*Wij hebben reeds gezegd dat de Duitsche drukpers het Esperanto slechts met wantrouwen aanveerdt; eenige tijdschriften nochtans, dank aan de pogingen der verspreiders, nemen gunstige artikels op. Noemen wij een lang artikel van M. H. Knobel in de « Bankbeambten-Zeitung » dat aldus besluit: « het vraagstuk der wereldtaal heeft zijne oplossing gevonden. »*

*Een Weenensch dagblad « Schwarz-gelb » geeft in zijn nummer van 12en Mei twee zeer krachtige artikels en kondigt aan dat de « Club Esperanto Viennois » tegenwoordig ingericht is en vergaderingen houdt elken Vrijdag om 7 ure 's avonds; hij heeft een kosteloozen Esperantischen leergang gesticht; adres hierboven.*

***

*Wij hebben nog eenen hoop dagbladen ontvangen waarvan wij vluchtig den inhoud zullen ontleden, bij gebrek aan plaats: « L'Express du Nord et du Pas de Calais, La France du Nord en Le Cicérone (La Revue de l'Esperanto) » geven een verslag van de feesten, ingericht door de Esperantische groep van Boulogne-s/mer op 21 Mei, feesten gemeld in ons voorgaande nummer. Zeer groote biival voor de Engelsche en Boheemsche bezoekers. Wij zien op den spelwijzer dat de HH. Muddie (Engelschman) en Dufeutrel (Franschman) het 5de bedrijf van Hamlet voorgedragen hebben. De dagbladen melden ons dat de bijval volledig was.*

« Les Nouvelles d'Alger » enpresas artikolojn de la agema kapitano Capé, kiu tiel feliĉe organizis propagandon en la Norda Afrika kaj kiu rikoltis mirindajn rezultatojn.

La « Bulletin du Musée Océanographique de Monaco » intencas publiki regule interesan Esperantan artikolon. La 11ª numero (30ª de majo 1904) enhavas klarigantan artikolon pri la Scienca krozado de la ŝipo « Princesse-Alice » dum 1903.

La « Bulletin de la Société des Sciences Naturelles » de Tarare enhavas : Kelkaj vortoj pri Esperanto de S^ro^ Emile Cherblanc kiu ankoraŭ organizas Esperantan Ekspozicion dum la somero sub aŭspicioj de la « Societo de Naturaj Sciencoj ». Ni tion rekomendas al niaj legantoj. Adreso : rue de la République, 69, Tarare (Rhône) France.

« Le Signal de Genève » (n^oj^ de la 30/4 kaj 21/5/1904) enhavas artikolojn kiuj prezentas tre bone Esperanton al la legantoj. Ili estas subskribitaj per la ĉefliteroj H.H. en kiuj niaj Samideanoj rekonos facile junan kaj kuraĝan Svisan apostolon.

S^ro^ R. G. Abrill, konsulo por Perujo en San Francisco de California U. S. A. publikigis broŝuron en Hispana lingvo speciale difinitan por propagando en Perujo.

***

La « Esperanta Frazlibro de l' turisto » kiu ricevis tre bonan akcepton kiam ĝi aperis, baldaŭ estis tute vendita. Ĝia dua eldono kiun disvastigas la « Kolekto de Lingvo Internacia » havos, ni tion esperas, saman sukceson. Oni scias ke tiu interesa frazlibro estas eltirita el la jarlibro de la Franca Turing-Klubo kiu multe helpas niajn Francajn amikojn.

La sukceso de tiu frazlibro kun tradukoj en la Franca, Angla, Germana, Hispana kaj Itala lingvoj, decidis la Belgan Turing-Klubo publiki similan libreton. La Belga Societo kopiis la Francan libreton, aldonante la Flandran tradukon kio estas tre inteligenta kaj tre necesa. Sed ĝi forlasas la Esperantan tekston ĉar la direktantoj malŝatas eble tielan maltimegon ! Tamen, por la legantoj ĝiaj, se tiu teksto ne estus tiel utila, ĝi estas certe la plej interesa !

Post kelkaj jaroj la Turing-Kluboj de ĉiuj landoj devos uzi la Esperantan lingvon, kaj la Belga Turing-Klubo devos fari kiel la aliaj.

La 10^an^ de Junio, la frazlibro neplena de la Belga Klubo estis prezentita al la « Internacia ligo de la

« Les nouvelles d'Alger » insère plusieurs articles de l'actif capitaine Capé qui a organisé si heureusement la propagande dans le nord de l'Afrique et qui a récolté des résultats étonnants.

Le « Bulletin de Musée Océanographique de Monaco » a l'intention de publier régulièrement un article intéressant en Esperanto. Le numéro du 30 mai contient un article explicatif au sujet de la croisière scientifique de la « Princesse Alice » en 1903. Le « Bulletin de la Société des Sciences naturelles » de Tarare contient : « quelques mots sur l'Esperanto », de M. Emile Cherblanc qui organise aussi une exposition Esp. pendant l'été sous les auspices de la Société des Sciences naturelles. Nous la recommandons à nos amis ; adresse ci-dessus.

« Le signal de Genève » n^s^ du 30-4 et du 21-5-04 contient des articles qui présentent fort bien l'Esperanto au lecteur. Il sont signés des initiales H. H. sous lesquelles nos partisans reconnaîtront facilement un jeune et courageux apôtre Suisse. M^r^ R. G. Abrill, consul du Pérou à San Francisco, Californie U. S. A. a publié une brochure en langue Espagnole destinée spécialement à la propagande au Pérou.

***

L'Esperanta Frazlibro du touriste, qui reçut un très bon accueil lorqu'il parut, fut bientôt épuisé. Sa seconde édition que met en vente la collection de « Lingvo Internatia » aura, nous l'espérons, un succès pareil. On sait que ce livre intéressant est extrait de l'annuaire du Touring-club de France qui aide beaucoup nos amis de là-bas. Le succès de ce « Frazlibro » avec traduction Française, Anglaise, Allemande, Espagnole et Italienne a engagé le Touring-club de Belgique à publier un livret semblable. La société belge a copié le livret français en y ajoutant la traduction en néerlandais, ce qui est très intelligent et très nécessaire. Mais il écarte le texte Esperanto car les dirigeants dédaignent, semble-t-il, un telle audace ! Cependant, pour ses lecteurs, si le texte enlevé n'est pas aussi utile, il est certes le plus intéressant !

Dans quelques années les Touring-clubs de tous les pays devront employer la langue Esperanto, et le Touring-club de Belgique devra faire comme les autres. Le 10 juin, le « Frazlibro » incomplet du club belge a été présenté à la Ligue internationale des sociétés touristes qui s'est réunie à Vienne. Nous espérons que la ligue internationale acceptera non

*« Les nouvelles d'Alger » geeft verscheidene artikels van den werkzamen hopman Capé die zoo gelukkiglijk de propaganda in het Noorden van Afrika ingericht heeft, en wonderbare uitslagen inoogste.*

*Het « Bulletin de Musée Océanographique de Monaco » heeft het inzicht regelmatig een belangrijk artikel in Esperanto uit te geven. Het nummer van 30 Mei bevat een uitleggingsartikel nopens de wetenschappelijke reis van de « Princesse Alice » in 1903. Het « Bulletin de la Société des Sciences naturelles » van Tarare behelst « Eenige woorden over het Esperanto » van M. Emiel Cherblanc die ook eene Esperantische tentoonstelling binst den zomer inricht onder de bescherming van de « Société des Sciences naturelles ». Wij bevelen ze onzen vrienden aan ; adres hierboven.*

*« Le signal de Genève » n^rs^ van 30-4 en van 21-5-04 bevat artikelen die het Esperanto zeer goed aan den lezer doen kennen. Zij zijn geteekend met de beginletters H. H. onder dewelke onze lezers gemakkelijk een jongen en moedigen Zwitserschen apostel zullen verkennen. M. R. G. Abrill, consul van Peru te San Francisco, Californie U. S. A. heeft een vlugschrift uitgegeven in Spaansche taal, voornamelijk bestemd voor de propaganda in Peru.*

***

*De « Esperanta Frazlibro du Touriste », die een zoo gunstig onthaal genoot als hij verscheen, was welhaast uitgeput. Zijne tweede uitgaaf, welke de verzameling van « Lingvo Internacia » te koop stelt, zal, hopen wij, een gelijken bijval bekomen. Men weet dat dit belangrijk boek getrokken is uit het jaarboek van den Touring-club de France, die onze vrienden van ginder veel helpt. De bijval van dit « Frazlibro » met Fransche, Engelsche, Duitsche, Spaansche en Italiaansche vertaling, heeft den Touring-Club van België aangemoedigd om een zulkdanig boekje uit te geven. De Belgische maatschappij heeft het Fransch boekje afgeschreven, erbij voegende de vertaling in het Nederlandsch, wat zeer verstandig en zeer noodig is. Maar zij verwerpt den Esperantischen tekst, want de bestuurders verloochenen, schijnt het, zulk eene stoutheid ! Nochtans, indien de uitgenomen tekst niet zoo nuttig is voor zijne lezers, is hij zeker de belangrijkste !*

*Binnen eenige jaren zullen de Touring-clubs van alle landen het Esperanto moeten gebruiken, en de Touring-club van Belgie zal moeten doen gelijk de anderen. Op 10 Juni is het onvolledig « Frazlibro » van den Belgischen club voorgelegd geweest aan den Wederlandschen bond der touristenmaatschappijen, die ver-*

